# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj


RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

PLENUMITA 14/03/2014 Cent kvindek sesa eldono 15/03/2014 SENDITA (unua eldono 26/09/2011)

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else

SENDATA AL 275 La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj


**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

## Estontaj kompetentaj Esperantistoj aŭskultas la retradion ĉiun tagon http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html

## Evitinda bebolingvo

elsendo de la 8a de marto.



Estas opinio ke beboj eble ne jam kapablas tre multe, sed: La homa cerbo disvolviĝas dum la unuaj jaroj tre rapide. Se oni parolas al beboj samkiel al plenkreskuloj, tiam oni akcelas ilian lernkapablon. Tion montras usona studaĵo.

Kiu parolas kun sia bebo samkiel kun plenkreskulo, tiu plej bone akcelas la lernkapablon. Kaj mankanta alparolo dum la unuaj du vivojaroj ofte estas kaŭzo pro kiu infanoj el socie malfortaj familioj en la aĝo de enlernejiĝo postrestas al siaj samaĝuloj je unu ĝis du jaroj. Tion nun montras studaĵo de la Usona Asocio por la Akcelado de Sciencoj. "La lingvo devas esti riĉa kaj kompleksa", diras unu el la aŭtorinoj, la psikologino Erika Hoff el Florido.

ktp………………………………………………………

Mi ĵus spektis en nova jutuba filmeto ke en kongreso okazis instruado de Esperanto al plenkreskuloj laŭ maniero kiel tio eble ankoraŭ taŭgas por beboj. Sed tia infaneca instruado tute ne taŭgas por plenkreskuloj. Kiel la artikolo montras, estas aliflanke bone paroli kun etaj infanoj laŭ maniero de plenkreskuloj.

# Pasintaj numeroj de 'Aŭstraliaj Esperantistoj'

Sur la **retpaĝo de AEA** http://aea.esperanto.org.au/







## Ĉe Esperanto-Domo EFNSK Redfern

## Dimanĉon la 16an de Marto 2014 12tm.

# Financa subteno

[ **Ĝenerale** | Subtenantoj | Donacintoj | Opinioj de uzantoj ]

Vi povas subteni *lernu!* per mon-donaco. Se vi ŝatus fari donacon en alia maniero ol per PayPal, bv legi ĉi tiun paĝon. Listo de donacintoj troveblas ĉi tie. Ankaŭ eblas helpi al *lernu!* praktike, ekz. per tradukado, lingvohelpado, ks. Vi estas bonvena kontakti nin!

Antaŭdankas,

La teamo kaj la uzantaro de *lernu!*




Ni invitas vin partopreni sekvan Someran Esperanto-Studadon (SES). Ĉi-jare ĝi okazos dufoje:

en Nitra, Slovakio (12-20.07.2014) - http://ses.ikso.net/2014/sk/ apud Moskvo, Rusio (17-25.08.2014) - http://ses.ikso.net/2014/ru/

Venu lerni ion novan, plezure pasigante la tempon.

La novaĵojn sekvu en la retpaĝo: http://ses.ikso.net/ kaj en la sociaj retoj: SES SK en Facebook (https://www.facebook.com/pages/SES-SK/651270114929727?fref=ts), SES RU en Facebook (https://www.facebook.com/pages/SES-RU/131996036970591), SES en VKontakte (http://vk.com/ses_rusio)
Ni esperas renkonti vin dum SES!
La SES-teamo

## http://worldtv.com/lernu_esperanton_tv_infanoj

## Grésillon Kulturdomo de Esperanto

## AGENDO

gresillon.org/agendo ĝisdatigo : 2014-01-27



## La Manlia Esperanto-Klubo. 15a marto 2014

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10atm

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo

## Central Coast Esperanto Club

Anoj kunvenas la duan dimanĉon de ĉiu monato 2ptm

Bamboo Buddha Café 221 Wattle Tree Road, Holgate NSW 2250

Dimanĉon, la 9an de marto, estis nekutime malgranda monata kunveno ĉe Bamboo Buddha kafejo: nur tri el la kutimuloj ĉeestis – Amy Friedman, Julie Regal kaj Jonathan Cooper. Tamen, nova homo alvenis (el Williamtown, norde de Novkastelo, multajn kilometrojn for): Arnie Schaaij. Li diris ke li eklernis Esperanton antaŭ nur kelkaj monatoj, sed lia parol-kapablo en la lingvo tre impresis nin. Laŭ li, la fakto ke li jam lernis aliajn lingvojn (la anglan, francan kaj germanan, krom lia denaska nederlanda) certe helpas. Ni diskutis diversajn temojn (inkluzive de geedziĝaj ceremonioj, vizaĝaj trapikaĵoj kaj motorciklaj veturoj!) kaj ĝuis la bongustajn trinkaĵojn kaj manĝaĵojn.
Amike,
Jonathan

## SENDU NOVAĵON, FOTOJN DE VIA KLUBO AL LA MONDO

# AEA Estraro 1974

Jen malnova foto trovita en la retejo de la muzeo en Vieno. Sendis Nicole



Ivan Maddern, Les Scott, Robbie Robertson, Ken Linton, R. Baxter, Herbert Koppel



Kiom el vi rekonas tiun konatan aŭstralian esperantiston?
Foto de la mezo de la 50aj jaroj.

Amike, Nicole

Se vi rekonas lin, sendu mesaĝeton al Roger aŭ Nicole. Se ne, vi povos legi la respondon en la venonta novaĵletero.